# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 13/06/2015 Ducent dudekunua eldono 13/06/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# 74. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## La Korelativoj. B.

La kvin "iu, tiu, k.t.p" estas KAJ substantivaj KAJ adjektivaj pronomoj; en la lasta kazo ili difinas substantivon anstataŭigante pli precizan adjektivon, kaj en la unua kazo ili indikas, reprezentas, personon aŭ personojn; ili indikas beston aŭ aĵon aŭ econ nur se uzataj, malofte tamen, en figura aŭ personigita senco.

La kvin "io, kio, k.t.p." estas substantivaj, kaj referencas al neviva substantivo aŭ al verbo: "Kion li faras?"; "Nenio estas en la skatolo".

La kvin "ia, k.t.p." kaj la kvin "ies, k.t.p." estas adjektivaj, kaj indikas karakterecon de substantivo: "Mi akceptas ĉian (all kinds of) monkontribuon". Sekvota.

Marcel Leereveld.

# Vintrokursaro en Haveno Viktoro. SA!



## Skribis Bob Felby

Mi dankas vin pro la "Aŭstraliaj Esperantistoj". Bonvolu nun
akcepti mian raporton pri nia ĵus finiĝinta Vintrokursaro en Haveno Viktoro !

Ni estis, se mi ankoraŭ memoras kiel ĝuste nombri, inter 15 kaj 20 partoprenantoj. La plej multaj el ni konsideris sin progresintoj, ĉar tiun kurson gvidis Trevor Steele.

Sed estis ankaŭ kurso por komencantoj kaj tiuj, kiuj ankoraŭ ne atingis la nivelon de progresintoj.

Ili ĉiuj estis tre afablaj kaj amuzaj, kaj mi ĝuis la kunestadon de ĉiuj.

La hotelo estis Hotelo Grosvenor, konstruita en la 19-a jarcento. Ĝi estas malmultekosta kaj bela kvankam la plankoj ne ĉie ebenas. Enirante de la koridoro al la ĉambro, oni iris iomete malsupren, kio povis kaŭzi etan malekvilibriĝon en la kapo de la plej maljuna el ni. Kaj jen io eĉ tre amuza. Irante sur la plankoj oni aŭdis tre laŭtan knaradon kvankam la planko estas kovrata de dika tapiŝo. Tio plaĉis al mi. Mi sentis ke mi nun estas en hotelo de la tempo de Karlo Dickens. Liaj verkoj ĉiam plaĉas al mi.



Katja Steele tre lerte kaj efike gvidis la mezan nivelon kaj Sandor Horvath tiun de la veraj komencantoj. Tion li faris tre bonege. Ofte aŭdiĝis laŭta ridado de el lia klasĉambro. Ridado estas bona, eĉ bonega.

En la komenco de la kursaro ni ĉiuj sidis en la plej granda ĉambro de la lernejo. Estis decidite ke ni ĉiuj devis kontribui al la etoso. Kaj fakte la plej multaj faris tion. Ĉio estis bona kaj mi ĝojis. Jen mi prezentas unu el la kontribuaĵoj, kiun mi plej bone memoras:

En tiu ĉi mallonga historieto aktoras kelkaj esperantistoj. Ĝi estas, kompreneble, vera historieto, kvankam ĝi ankoraŭ ne okazis. Sed ĝi baldaŭ okazos. Fakte ĝi okazos tuj post la fino de la Universala Kongreso en Lillo, Francujo, do tuj post la 1-a de aŭgusto. Mi supozas, ke la plej multaj el vi jam aŭdis pri la granda eŭropa lando, Francujo. En ĝi, en la nordo, situas la granda urbo Lillo, kaj tie okazos la ĝis nun plej granda kongreso de Esperanto, fakte la Centa Universala Kongreso de Esperanto. Kaj nun mi komencas rakonti pri io, kion mi sonĝis la pasintan nokton, ĉar mi ne sonĝas dum la tago. Tiam mi nur revas! Tio, kion mi rakontos, okazos al tri elstaraj esperantistoj skandinavaj tuj post la fino de la Centa Universala Kongreso en Lillo. Do en la komenco de aŭgusto ĉi-jara!

Tri skandinavaj esperantistoj, unu norvega, unu sveda kaj unu dana, ne gravas el kiuj provincoj la norvega kaj sveda esperantistoj venis, gravas nur, ke la dana venis el provinco en Nordjutlando, nomata Molso. Bonvolu ne forgesi tion ! Ĉiuj tri kune partoprenis la Centan Universalan Kongreson en Lillo en Francujo. Kaj jen mi devas konfesi, ke eĉ mi ne precize scias kio okazis tuj post la fino de la kongreso, eble ili estis drinkintaj tro multe kaj ebriiĝis kaj faris ion, kion deculoj ne faras, almenaŭ ne en Francujo. Fakte ili estis viditaj, post la kongreso, en Parizo, kaj eble tio faras ian diferencon, mi fakte ne scias !



Sed okazis tio, ke policistoj venis kaj arestis ĉiujn tri el ili. La juĝisto, aŭ kio ajn li nomiĝas en la franca, tio ja ne koncernas nin, ni estas esperantistoj, eble ne surprize, kondamnis ilin al la morto, kiu en Francujo, almenaŭ post Universalaj Kongresoj, kiam niaj tri amikoj amuziĝas tie, estas la kutima juĝo por io tia !



Venis do la tago de la ekzekuto. Sur iu el la plej famaj placoj en Parizo estis starigita granda, malbela gilotino. Multaj ekskongresanoj estis amasiĝintaj antaŭ la granda mortigilo, ĉar, kiel sciate, estas eĉ tre granda ĝojo por ordinaraj civitanoj de kiu ajn urbego en la mondo, rigardi la terurajn sortojn de aliaj.

Unue suriris la gilotinejon la brava norvega esperantisto. Li rajtis elekti ĉu li volas kuŝi sur sia stomako aŭ sur sia dorso sub la akrega kapotranĉilego. Li decidis sin ĵeti sur la stomakon kaj kuŝi tre trankvile, kvankam iom malkomforte, la vizaĝon forturnita de la baldaŭe falonta akrega kapotranĉilego.

La mortigisto, li estas franco, ĉar en Francujo oni ne donas la plej bone pagatajn okupojn al fremduloj, staris preta por mortigi la bravan norvegan esperantiston. Li, la mortigisto, tiris la ŝnuregon, kiu devis faligi la akregan kapotranĉilegon sur la nukon de la brava norvega esperantisto. Sed iel, pro iu neklarigebla kaŭzo, la akrega kapotranĉilego falis nur ĝis du centimetroj super la nuko de nia brava norvega esperantisto. Tie ĝi haltis. La mortigisto provis ankoraŭ unu fojon kaj ankoraŭ alian fojon, sed vane. La akrega kapotranĉilego restis tie, kie ĝi haltis, du centimetrojn super la nuko de nia brava norvega esperantisto.



Do, la juĝisto, aŭ kiun titolon li havas en la franca, decidis, ke post tri malsukcesaj provoj mortigi la bravan norvegan esperantiston, li estu konsiderata senkulpa, kaj li estis malligita kaj liberigita.

Venis nun la vico de la brava sveda esperantisto. Ankaŭ li rajtis elekti, ĉu li volas kuŝi sur sia stomako aŭ sur sia dorso sub la akrega kapotranĉilego de la gilotino. Ankaŭ li decidis kuŝi sur la stomako. Ankaŭ li kuŝis tre trankvile,

kvankam iom malkomforte, la vizaĝon forturnita de la baldaŭe falonta akrega kapotranĉilego.



La mortigisto staris preta por mortigi la bravan svedan esperantiston. Li tiris la ŝnuregon, kiu devos faligi la akregan kapotranĉilegon sur la nukon de la brava sveda esperantisto. Sed iel, pro iu neklarigebla kaŭzo, la akrega kapotranĉilego haltis du centimetrojn super la nuko de nia brava sveda esperantisto. Tie ĝi haltis. La mortigisto provis ankoraŭ unu fojon kaj ankoraŭ alian fojon, sed vane. La akrega kapotranĉilego restis tie, kie ĝi estis.

Do, la juĝisto, aŭ kiun ajn titolon li havas en la franca, decidis, ke post tri malsukcesaj provoj mortigi la bravan svedan esperantiston, li estu konsiderata senkulpa, kaj ankaŭ li estis malligita kaj liberigita.

Nun estis la vico de la eĉ treege bravega kaj saĝa, molsa esperantisto. Ankaŭ li rajtis elekti, ĉu li volas kuŝi sur la stomako aŭ la dorso sub la akrega kapotranĉilego de la gilotino. Ĉar molsanoj iom malsimilas al aliaj homoj, li elektis kuŝi sur sia dorso. Ankaŭ li kuŝis tre trankvile, kvankam iomete malkomforte, siajn vizaĝon kaj okulojn rigardantajn al la baldaŭe falonta akrega kapotranĉilego de la gilotino.

La mortigisto staris preta por mortigi la bravegan kaj saĝan molsan esperantiston. Li tiris la ŝnuregon, kiu devis faligi la akregan kapotranĉilegon sur la gorĝon de la brava molsa esperantisto. Sed iel, pro iu neklarigebla kaŭzo, la akrega kapotranĉilego haltis du centimetrojn super la gorĝo de nia brava molsa esperantisto.

Tiam laŭte kriegis la bravega kaj saĝa, molsa esperantisto, "Mi povas helpi vin. Nun mi vidas kiel solvi vian problemon !"



# 3ZZZ Melburno

# Eĥo de 3ZZZ





Eble vi ankoraŭ ne vizitis Afrikon kaj scias pri ĝi nur tion; kion raportas la amaskomunikiloj . Por havi alian vidpunkton aŭskultu la intervjuon de Mireille Grosjean faritan de Aleksander Korjenkov, prezentitan de Alan Bishop.

Tio eblas irante al la retejo de la radio ĝis lundo la 15a de junio www.3ZZZ.com.au aŭ al la arkivejo www.esperanto.com.au

Ĝuu la aŭskultadon.

La kunvokanto de la grupo Esperanto en 3ZZZ

Franciska Toubale

Jen alia artikolo de Libera folio.

http://www.liberafolio.org/jam-25-000-lernantoj-de-esperanto-ce-duolingo Amike, Nicole



libera folio

SENDEPENDA MOVADA BULTENO

Hejmo | movado | en la reto | kulturo | vidpunkto | kolofono | subtenu

Vi estas ĉi tie: Hejmo / Jam 25.000 lernantoj de Esperanto ĉe Duolingo

## Jam 25.000 lernantoj de Esperanto ĉe Duolingo

de Redakcio — Laste modifita: 2015-06-10 20:49

**Ĉi-matene la Esperanto-kurso por angla-parolantoj en la lingvolerna retejo Duolingo atingis 25 000 lernantojn. Tio estas fulmrapida evoluo dum nur du semajnoj ekde ĵaŭdo, 28-a de majo.**

Ĉu vi vere pretis kredi tion, kiam unue la iniciatinto de Duolingo, Luis von Ahn, en prelego flanke menciis antaŭ tri jaroj, ke homoj petadas Esperanto-kurson? Kiam poste estis voĉdonadoj, kiu lingvo aldoniĝu, kaj Esperanto estis pli kaj pli favorata... Kiam fine en septembro 2014 internacia teamo sub gvido de Chuck Smith kaj Ruth Kevess-Cohen komencis adapti la Duolingo-kurson al Esperanto... Sed ja okazis!

25.3K Learners
Esperanto for English speakers

# Jutubaj filmeto

★★★★

# Ĉu Esperanto havas kulturon?



Tre bona filmeto de Richard.

https://www.youtube.com/watch?v=CuOIB_jUVRA Amike, Nicole

Esperanto Is More Than a Language, It's a Culture and Way of Life

Jen etaj intervjuoj dum pasintjara SES (Somera Esperanto-studado) en Slovakio.




https://www.youtube.com/watch?v=AV21o32C3Tk

Amike, Nicole

# Connecticut Public Radio

Tiu elsendo estas ege interesa. Ĝi daŭras preskaŭ 50 minutojn. Humphrey Tonkin parolas, Erin de Lernu.net kaj Chuck Smith de Duolingo.

http://wnpr.org/post/esperanto-internet-age#stream/0 Amike, Nicole

# Malnova foto

Jen foto de la organizantoj de la somerkursaro en Sidnejo en 2000. De maldekstre al dekstre: Margaret Chaldecott, Jo Turvey, Maureen Grados, Sid Wolifson, Terry Manley, Anthony Gaskell, Edna Turvey, Henriette Vanechop. Mi ne scias kiu estas la viro tute dekstre. Ĉu iu povus helpi? Dankon al Henriette pro la foto. Ĉu vi havas malnovajn fotojn kiujn vi povus sendi al AE?
Amike, Nicole



# VINTRA KURSARO de Esperanto en Sud-Aŭstralio

Informis Katja kaj Trevor Steele

Ni ekspluatis la "longan semajnfinon" de 6-8-a de junio kaj la tre moderprezan loĝadon en la hotelo Grosvenor en Victor Harbor por okazigi la vintran kursaron de 2015 en tiu agrabla havenurbeto. Partoprenis 18 homoj, grandparte el Adelajdo, sed venis ankaŭ kelkaj lokaj homoj.



novuloj



progresintoj

Matene okazis “lecionoj” je tri niveloj: Sandor Horvath instruis al la komencantoj, Katja Steele al la mezniveluloj, kaj Trevor Steele al la pli progresintaj. Sabaton posttagmeze preskaŭ ĉiuj ĉeestantoj prezentis ion, ĉu teatraĵeton, ĉu prelegon, ĉu poemojn, kaj la rezulto estis tre varia programo.

Sed ne estis nur formala instruado kaj tiaj prezentaĵoj. Katja organizis libroservon, kaj Sandor gvidis ridigajn ludojn, kaj Bob Felby ludis domron dum komuna kantado. Komuna manĝo en restoracio estis alia agrabla evento.




Fine de la kurso grupo veturis al la najbara Port Eliot, esperante vidi tiujn reĝojn de la oceano, balenojn. Vane. Sed la marbordo mem estis impona vidaĵo.

# Esperanto-Domo  Sidnejo




La 7an de junio 2015 okazis kunveno.
Venis 11 homoj
Roger kaj Mei Springer, Jonathan Cooper, Jano Wylles, Margaret Chaldecott, Gerry Phelan, Bob Bain, Dmitry Lushnikov, Volo Gueltling, Steven Garamy.   Estis malvarma malseka tago. Bona kunveno.

★★★★

Merkredon la 10an de Junio venis Roger Springer, Margaret Chaldecott  kaj Ian Wylles.



# La Manlia Esperanto-Klubo.

La 6an de junio 2015 okazis kunveno.La kutimaj 5 Esperantistoj venis.

# Ridigu vin!

Sendis Bob Felby



Terure, ĉu ne ? Kompatinda Oskaro refoje forgesis la datrevenon de la geedziĝo de si kaj lia edzino !

Kiel atendite, la edzino furiozas kaj kriegas al kompatinda Oskaro: "Vi fiulo, se vi volas saviĝi, morgaŭ, kiam mi revenos, mi atendas, ke antaŭ la enirejo de nia garaĝo, staru malgranda, beleta io, kio kapablas iri de nulo ĝis cent kvardek en nur kvar sekundoj!"

Kiam ŝi revenas la sekvan tagon, ŝi trovas, ke Oskar obeis ŝin. Ĉe la enirego al la garaĝo ŝi vidas banĉambran pesilon.

La funebra ceremonio de kompatinda Oskaro okazos la venontan semajnfinon !!!

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype estrarkunvenoj okazis la 11/6, okazos 2/7; 3/9, 10/9, 24/9, 8/10, 22/10, 5/11,19/11, 3/12, 17/12 dum 2015.

## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 192 | 193 | 194 | 195 | 196 | 197 | 198 | 199 | 200 | 201 | 202 | 203 | 204 | 205 | 206 | 207 | 208 | 209 | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | | ■ | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | ■ | ■ | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | ■ | | ■ | | | ■ | | | | ■ | | | ■ | | ■ | | ■ | | | | ■ | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | ■ | | ■ | | | | | | | ■ | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | | ■ | ■ | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | | | ■ | | | | | | | | ■ | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | | | | ■ | ■ |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | ■ | | | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au

Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas

## Malgranda informo vidigas vian Klubon al la Mondo